# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

28a jaro NOVEMBRO-DECEMBRO 1976 N-ro 6



York Minster

*La bela Katedralo de YORK (Britio), fondita en la jaro 627.*




## ĈU VI JAM ALIĜIS AL LA 29-a IFEF-KONGRESO EN SWANWICK (BRITIO)

## 13a - 20a DE MAJO 1977?

**LKK-adreso:** 25 Mars Street, Smallthorne, **STOKE on TRENT**, Britio.

**Banko:** Cooperative Bank, Stoke on Trent 08 90 09, Esperanto Konto n-ro 50050181.

**Kongresejo:** The Hayes Conference Centre, SWANWICK, Derbyshire, BRITIO.

**Plej proksima stacidomo:** ALFRETON & MANSFIELD PARKWAY.

**Kongreskotizoj:** (en anglaj pundoj).

| | ĝis 31.12.1976 | ĝis 13.4.1977 |
|---|---|---|
| KONGRESANO | £ 12.00 | £ 15.00 |
| Familiano, pensiulo, junul/in/o (ĝis 20 j.) | £ 6.00 | £ 7.50 |
| Ĉambro-perado | £ 3.00 | £ 3.00 |
| Simpatiantoj | £ 3.00 | £ 3.00 |

**Ekskursoj:**

| | | |
|---|---|---|
| **A** | Al Crich Tram-muzeo kaj Matlock Bath. | £ 0.75 |
| **B** | Montetaro, Stoke-on-Trent, Forest Park. | £ 1.50 |
| **C** | TUTTAGA al YORK kun tagmanĝo | £ 4.50 |

**Provizora programo:** En la venonta bulteno.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

**Sekretariejo:** E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
**Redaktoro:** Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
**Bankkonto:** Provinsbanken, konto n-ro 7353-350550 - DK 9800 - Hjørring - DANIO

## 29-a KONGRESO DE IFEF – 13-a - 20-a Majo 1977
## en The Hayes Conference Centre, SWANWICK, Derbyshire, BRITIO

Adreso de LKK: 25 Mars Street, Smallthorne, Stoke-on-Trent, Britio.

S-ro BARKS komunikas jenajn informojn:

### ALIĜILO

La numero 08 90 09 – kiun vi povas legi ĉe la adreso de la Banko en Stoke-on-Trent – estas kodo kiu indikas al bankistoj la Stoke-on-Trent filion de la cooperativa banko.
La numero 50050181 estas la numero de la kongresa konto en tiu banko.
Ĝis la 26a de oktobro, aliĝis 160 personoj.

### LINGVO-KAPABLECO

Kelkaj ne indikis, sur la aliĝilo, ĉu ili parolas en Esperanto: "sufiĉe flue", "iomete", "nenion" aŭ "flue". Atentu, ĉar tio estas grava: la "flue-uloj" ricevos verdajn rubandetojn, la "sufiĉe-uloj" ricevos bluajn, la "iomete-uloj" ricevos flavajn, kaj la "nenion-uloj" ricevos ruĝajn.
S-ro Barks instigas la "nenion-uloj" ekkomenci studi – duonan horon potage – kaj ili multe pli ĝuos la kongreson. Li diras: "Imagu, se oni ne komprenas la lingvon, povus esti dum ekskurso iu gvidisto kiu diros: Maldekstre, vi povas vidi la trinkejon kie oni vendas la plej bongustan bieron en la tuta Britio kaj ĝis iu samlingvano povos klarigi tion, la trinkejo estas jam malantaŭe . . . tri kaj duonan kilometron. Domaĝe!"

### VOJAĜO

Sur la aliĝilo, vi trovas la horojn de la trajnoj de LONDONO St. Pancras al la urbo ALFRETON, kie vi devos elvagoniĝi.
Ili estas: 8.00 - 11.05 - 13.05 - 15.05 - 16.20 - 18.05 - 20.05.
Se vi venos tra Londono, vi petu senpagan bileton al YORK, kiu estas la celo de la tuttaga ekskurso (vidu foton de la katedralo sur la unua paĝo).







*El DEFA-bulteno.*

## VEGETARANOJ

Se vi estas vegetarano . . . aŭ veterano, bonvolu mencii.

## NACIAJ KOSTUMOJ

Estas dezirinde ke la kongresan/in/oj kiuj ĝin havas, estu pretaj kunporti al la kongreso ĉar LKK provos allogi la televidistojn al la kongresejo per la promeso ke multaj kongresanoj portos naciajn kostumojn dum la balo kaj distraj aferoj.

## INAŬGURO DE STRATOJ ESPERANTO

Oni esperas ke dum la kongreso estos inaŭguritaj pluraj novaj stratoj Esperanto.

## LOĜADO

En "The Hayes" estas 250 unulitaj ĉambroj, 4 trilitaj, 3 kvarlitaj kaj 50 dulitaj. Tiujn-ĉi ricevos la paroj kies nomoj estas samaj kaj kiuj probable vivas kune dum jaroj. Oni ne apartigos tiujn, kiujn Dio kunligis . . .

## DISTRAĴOJ

LKK provas certigi la partoprenon de trupo el DUBLIN kiu gajnis la Tut-irlandan premion.
Kromajn informojn en la venontaj bultenoj . . . Ĝis . . .!




*Tiamaniere vi atingos ALFRETON el Londono.*




*Survoje al la Kongreso, vizitu Londonon . . .*

## UTILA INFORMO




**ŜIPVETURSERVOJ inter HOEK VAN HOLLAND (Nederlando) kaj HARWICH (Britio).**

Ŝipveturas ŝipoj de B.R. (Brita Fervoja Kompanio) kaj de la nederlanda privata kompanio "Stoomvaartmaatschappij ZEELAND", tamen kunigitaj en SEALINK. La senpagaj biletoj de la fervojistoj validas sur ĉiuj ŝipoj.

HORARTABELO (valida de 3.4.77 ĝis 21.5.77 inkl.):

| | | |
|---|---|---|
| Hoek van Holland (foriro) | 12.15 h. | 23.55 h. |
| Harwich (alveno) | 17.45 h. | 6.45 h. |
| Trajno foriro (Harwich) | 18.25 h. | 7.50 h. |
| LONDON Liverpoolstreet-station (alveno) | 19.45 h. | 9.14 h. |

Atentu: 12 h. en Nederlando = 11 h. en Britio.

Koneksaj trajnoj por la dumtaga ŝipo (Hoek van Holland : 12.15) estas:
Nord-West Express el Kopenhago tra Hamburgo;
Austria Express el Austrio tra Salzburg - Munkeno.

Por la dumnokta ŝipo (Hoek van Holland : 23.55):
Harz Express el Berlin - Bad Harzburg - Hannover;
Rhein Express el Munkeno tra Stuttgart - Köln;
Skandinavien Holland Express el Kopenhago - Hamburgo;
Rheingold (T.E.E.) el Svislando tra Köln.

Tiuj-ĉi trajnoj ĉiuj alvenas en Hoek van Holland-haveno kaj en 15 ĝis 20 minutoj, oni povas atingi la ŝipon (tra la doganejo).
En la dumnoktaj ŝipoj, oni povas rezervigi kajutojn ekz.:

| | |
|---|---|
| en 2 pers. kajuto po ned. guld. | 15.00 |
| en 4 pers. kajuto po ned. guld. | 10.00 |
| ripozseĝejo: po gld. | 3.00. |

Kompilis W.L. v. Leeuwen.

# INVITOJ AL

## HUNGARIO

Vintra Esperantista Ferio en Budapeŝto — 28.12.76 - 2.1.77.
Varia Internacia Semajno en Budapeŝto — 16a ĝis 21a 8.77.
Oni povas aliĝi ĉe:
BUDAPEŜTA TERITORIA KOMITATO, H-1443, Budapest, Pf. 153.
Ĉefkonto: 511-212598, MNB 218-98079, aŭ ĉe
CENTRA OFICEJO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO, NL-3002 ROTTERDAM, Nieuwe Binnenweg 176, Poŝtĉekkonto: 378964.

## FRANCIO

Kulturaj aranĝoj 1977 en la ESPERANTISTA KULTURDOMO Kastelo GRESILLON, 49150 BAUGÉ.
Poŝtkonto Nantes 1485 39.

**Pasko:**
Alveno dimanĉon 3an de aprilo — foriro sabaton 9an de aprilo posttagmeze.
- Renkontiĝo de infanoj (akompanataj de plenkreskuloj);
- Kiel gvidi kurson? Praktika pedagogio por kursgvidantoj.

**Somero:**

**Unua periodo (4 - 23 julio)**
Alveno dimanĉon 3an de julio — foriro sabaton 23an de julio.
- Diverstemaj prelegoj — Diskutoj;
- Distraj aktivaĵoj;
- Ekskursoj;
- Praktikado de la lingvo (individuigita kurso)(1).

**Dimanĉon 3an de julio:** interkona vespero.

**Dua periodo (25an de julio - 13an de aŭgusto)**
Alveno dimanĉon 24an de julio — foriro sabaton 13an de aŭgusto.
- Kurso por komencantoj;
- Praktikado(1);
- Supera kurso;
- Manaktivaĵoj;
- Ekskursoj

**Dimanĉon 24an de julio:** interkona vespero.

**Tria periodo (15an de aŭgusto - 3an de septembro)**
Alveno dimanĉon 14an de aŭgusto — foriro sabaton 3an de septembro.
Programo: vidu "dua periodo".

**Dimanĉon 14an de aŭgusto:** interkona vespero.

(1) Ĉiu lernanto povos praktiki je sia propra lingvo-nivelo. La interesatoj bonvolu kunporti la kurslibron per kiu ili lasttempe lernis.



# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

## ĈEĤOSLOVAKIO

Nun mallonge pri nia fervojista konferenco, kiu okazis en Přerov.
De la 4a - 5a de septembro 1976 okazis en urbo Přerov konferenco de nia fervojista Sekcio. Urbo Přerov situas en la norda parto de Moravio. Tiun konferencon partoprenis proksimume sepdek ĉeestantoj, ankaŭ el fremdaj landoj: Okcidenta Germanio (ges-roj Giessner), Orienta Germanio (s-ro Theurich), Hungario (s-ro dro Bacskai), Svisujo (s-ro Otto Walder), Aŭstrio (s-ro Martin Stuppnig kaj s-ro Scharf) kaj Pollando (nomon mi nescias).
Sabate, la 4an de septembro antaŭ tagmeze, konferencon malfermis prezidanto de nia Sekcio. Kiel surprizo venis saluti nian konferencon eĉ infanoj de lernejo el Přerov per la recitado de poemoj. Post la salutvortoj, niaj gastoj el fremdaj landoj foriris promenadi tra la urbo Přerov kun niaj kelkaj gesamideanoj. Aliaj gesamideanoj ĉeestis publikan konferencon. Ĉiujn raportojn de funkciuloj de Sekcio voĉlegis nia sekretario s-ro F. Markl kaj por la venonta jaro proponis kelkajn planojn rilate nian pluan laboron, vojaĝadon ktp.
Ni ĉiuj denove renkotiĝis dum la komuna tagmanĝo. Posttagmeze ni vizitis belan muzeon — kaj el trarigardejo sur kiu ni grimpis sur la tegmento de muzeo — ni bonege vidis tutan ĉirkaŭaĵon de urbo Přerov dank' al bona kaj klara vetero. Vespere ni komune amuziĝis, babilis, kantis eĉ amike ŝercis.
La duan tagon dimanĉe okazis komuna aŭtobusa ekskurso al kastelo Kroměříž. Tie ni ankaŭ vizitis grandan kaj konatan parkon kun la bela pavilono kie estas eksterordinara kaj interesa mezurilo, kiu certigas nin, ke nia planedo reale turniĝas.
Post nia aŭtobusa reveno al Přerov sekvis disiĝo kun multe da manpremoj eĉ larmoj kun vortoj "ĝis revido".

S. Helmeczyová.



## IFEF-SKISEMAJNO EN "LES GETS" (Francio)

Semajno post semajno alproksimiĝas la 18-a skisemajno en Les Gets. Ĝis la 15a de novembro aliĝis 42 personoj el 5 landoj. Restas proksimume 15 lokoj. Se vi ne ankoraŭ aliĝis, ne hezitu pli longe.
Pro ekonomiaj malfacilaĵoj en Francio nun, ni devas iomete plialtigi la prezon de la restado en Les Gets. La nova prezo estas 400 F anstataŭ 360 F. Ni esperas ke tio ne okazigos tro da grumblado . . .
Praktikaj informoj:
Adreso de la gastdomo: CHALET LE MONTANA, F-74260 LES GETS, telefonnumero: 040 en Les Gets.
Fervoja Stacidomo: CLUSES (22 km) linio PARIS- GENEVE, tra Culoz, Aix-les-Bains, Annecy, St. Gervais les Bains.
Aŭtoburoj: CLUSES-LES GETS (transportfirmao SAT); vojaĝdaŭro: 45 minutoj. Forveturo el CLUSES je: 6.20 - 7.50 - 8.20 - 9.05 - 17.00 - 18.10.
Por informiĝi kaj aliĝi, sin turni al: Gérard HORN, 16, rue Denis Papin - F-93250 VILLEMOMBLE.

# FERVOJA ANGULO

## SOPIRO PRI VAPORLOKOMOTIVO

Sincere dirite: kelkfoje kaptas min aparta sopiro. Kiam mi finas mian deĵoron post ok, dek horoj en mia altmoderna, elektrone gvidata, aerelasta, kun panoramovitraĵoj ekipita lokomotivo, kiam mi sentas min elĉerpita, sed ne sufiĉe laca por endormiĝi, tiam mi pensas denove pri la malnovaj maŝinoj. Pri la malpuraj lokomotivoj, plenaj da karbopolvo, kiuj ŝanceliĝis, puŝis, malodoris je varmega oleo, kie la vento blovis tra ĉiu angulo kaj kie oni sidis ne sur oleohidraŭlike risorta seĝo, sed sur ligna, tripieda tabureto, kiu vundigis la kokcigon.

Unufoje mi ŝatus eluzi la ŝovelilon tiel forte, ke la ŝvito sur la dorso fluas malsupren kaj en la polvonigra frunto aperas blankaj riveretoj. Flari mi volus la odoron de brula fero, kiam la rulantaj dumetraj radoj frotumas la relojn. Mi deziras teni la ŝovelilon poluritan per multnombraj kalaj manoj de hejtistoj kaj batali kontraŭ la elementoj fajro, akvo kaj vaporo per la forto de muskoloj, lerteco kaj sperteco.

Jes, kolegoj, estis arto pretigi la lokomotivon tiel precize je la minuto de la ekveturo, ke la sekuriga valvo antaŭ la forblovo susuris mallaŭte, la akvo en la mezurglaso staris je tri kvaronoj kaj la fajro ĝuste trabrulis!

Unufoje mi ŝatus ĵeti per la ŝovelilo la nigre brilajn karbojn en la blankan ardaĵon, mi ŝatus serĉi tra duone fermitaj okuloj la malheletajn lokojn en la kaldrono, kie la fajro regresis. Mi volus aŭdi la kantadon de la injektoro kaj la unuforman tondradon el la fumtubo antaŭe, kiu kune kun la helbruna fumo indikas al mi, ke ĉio bonordas, ke mi kapablas trapasi facile la altaĵon per mia 1.700 tunojn peza vagonaro. Jes, mi konis ĉiun monteton, kie vaporo necesis, kaj precize la punkton, kie la lokomotivestro fermis la kaldronan pordon. Neniu plua ŝovelilo da karboj estis enĵetita.

Ĉu foje ankaŭ vi sentas simile? Ĉu vin ne nervozigas kelkfoje la tuta moderneco, kiu trostreĉas senĉese la nervojn, sed malfortigas la muskolojn? Ĉiukaze mi pridubas, ĉu la progreso fakte estas tiel granda, ke unuflanke la korpa laboro regresis ĝis minimumo, sed aliaflanke post la servo la troaj kilogramoj de la korpo estas traktendaj en naĝejoj, sportejoj, stadionoj kaj vaporbanejoj. Tamen, siatempe la laboro havis nur unu mankon: vi devis plenumi ĝin! Egale ĉu kun aŭ sen via volo, ĉu dum ekstrema varmego aŭ malvarmego, nepre vi devis labori. Dumnokte vi falpuŝiĝis al la magazeno, turnis per frigidaj manoj la frostiĝintan ventilon de la akvoargano, transportis tunojn da karboj en la grandan truon, kurbiĝis inter ŝmiraj aksoj por oleumi la lagrojn, ĉar post nelonge la lokomotivo ektiros la vagonaron.

Memvole oni devus havi la eblecon labori ankoraŭfoje kiel hejtisto de vaporlokomotivo. Tiukaze estus je la dispono sufiĉe da entuziasmaj viroj, kiuj ankoraŭfoje volus plenumi sian iaman funkcion sur la maŝino veturante tra la montaro.

Tradukis el
"Der Deutsche Eisenbahner"
W. Barnickel.

# ESPERANTO EN LA RADIO

**RADIO ROMA – ESPERANTO**
C.P. 320
I-00100 ROMA (Italia)

**Programo valida ĝis 27.2.1977.**

Respondecas kaj legas: d-ro Renato CORSETTI.
Redaktas la tekstojn kaj prizorgas la korespondadon: d-ro Antoni DE SALVO.
Oni skribu al la oficiala adreso de la programo (Radio Roma, Esperanto, C.P. 320, I-00100 Roma, Italujo) kaj ne al la prizorgantoj persone. En la adreso oni ne menciu la nomojn de la prizorgantoj, sed oni indiku ĝenerale "Radio Roma - Esperanto".
La programo okazas ĉiun dimanĉon, de la 21a horo ĝis la 21a kaj 20 minutoj, laŭ mezeŭropa tempo, sur jenaj ondlongoj/frekvencoj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| metroj | 41,15 | 41,24 | 49,92 |
| kilohercoj | 7290 | 7275 | 6010 |
| mc/s | 7,290 | 7,275 | 6,010 |

La elsendoj temas pri "Novaĵoj el Italujo", "Kuriero de Esperanto", "Leterkesto – korespondado kun la aŭskultantoj" kaj "Kanzonoj en Esperanto".
Al personoj **konkrete** interesitaj (ekz. redaktoroj de gazetoj) ni volonte liveras kopion de niaj tekstoj; oni bonvolu diri, kiuj temoj interesas.
Ni sendas, senpage, ilustritan programbroŝuron en la lingvoj angla, franca, germana, hispana kaj itala (oni bv. diri, **en kiu lingvo** oni deziras ĝin!), turismajn prospektojn pri Italujo, kaj flageton de nia stacio (**sen** indiko de Esperanto!). Ni ankaŭ kvitancas per konfirmo-kartojn (QSL) la korektajn raportojn pri aŭskultado.

Kun dankemo ni akceptas Esperanto-eldonaĵojn, dokumentojn kaj informojn pri Esperanto kaj pri lingvaj problemoj, kiujn ni utiligas por niaj elsendoj.
**Ni multe bezonas korespondadon:** kaj ni estas aparte dankaj, se oni skribas sur poŝtkartoj (= kartoj eldonitaj de la Poŝto, kun poŝtmarko jam presita). Oni ne forgesu **ĉiam** aldoni la adreson, **klare skribitan!**

Ĉe nia adreso oni povas mendi kopion de muzik-kasedo kun kanzonoj en Esperanto, registrita de Roma Muzika Grupo. Por mendoj ĝis 31.12.1976, la kosto estas la egalvaloro de 4 dolaroj. Oni pagas post ricevo de la kasedo kaj de la koncerna fakturo (kiu ankaŭ indikas pagmanieron). **Ne sendu monon al Radio Roma**; ni nur peras la liveron de la kasedo. Pagu nur post ricevo de la kasedo kaj de la fakturo.
Pro la multaj alvenintaj mendoj, la unua stoko de kasedoj rapide elĉerpiĝis; nun estas en preparo dua stoko, kun akompanaj skribitaj tekstoj. **Mendintoj bonvolu pacienci ankoraŭ iomete!** Ni diligente notis la mendojn.



## ADMINISTRAJ INFORMOJ

**Korekto:**
En la protokolo pri la publikaj kunsidoj Estraro/Komitato, 17an kaj 18an de junio 1976 en Skelleftea (komp. IF Nr. 3/76 paĝo 27) mankas inter la landoj, NORVEGIO kun la komitatano NAESS.
Bonvolu kompletigi viajn protokoltekstojn. Samtempe mi petas pardonon pro tiu ĉi eraro.

Sekretariino.

**Japana Fonduso:**
Ni kore dankas al ĉiuj kiuj jam malavare donacis por nia Japana Fonduso. Vi daŭre kontribuu al la helpo por niaj japanaj kolegoj kaj membroj. La konto de la kasisto estas: Provinsbanken, konto n-ro 7353-350550-DK 9800, HJØRRING.

## VOJAĜO AL RUMANIO

Se iu membro de IFEF intencus vojaĝi al Rumanio, li bonvolu sin anonci antaŭe al la Redaktoro aŭ al la Kasisto. Dankon!

Estraro.

## NEKROLOGO

### ĈEĤOSLOVAKIO

Nur nun ni ricevas informon pri la forpaso de niaj ĉeĥaj kolegoj:

S-ro **Květoslav KVÍTEK**, el Praha, 64-jaraĝa, la 2an de septembro.
kaj
S-ro **Miloslav HLAVATÝ**, el Praha, 54-jaraĝa, la 20an de aŭgusto.

Ni konservu ilian memoron.

IFEF.



*Nova dormvagono por la eŭropaj fervojoj.*

## KORESPONDU . . .

FERVOJISTA KORESPONDA SERVO helpos vin trovi, laŭ viaj deziroj, korespondantojn. Ĉiu korespondemulo rajtas senpage enskribiĝi. Skribu senprokraste al: **F.K.S., 76, rue Bataille 69008 LYON, FRANCIO.**

---

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



---

BONDEZIROJ POR 1 9 7 7.

AL ĈIUJ NIAJ MEMBROJ KAJ GEAMIKOJ NI PLEJ KORE DEZIRAS AGRABLAJN FESTOTAGOJN KAJ ĈION BONAN POR LA VENONTA JARO.

I.F.E.F.-ESTRARO.

---

**La redaktofino por la venonta IF estas 15.1.1977.**

Grafika kaj teknika prizorgo: *Grafika Studio Nevan,* Rotterdam.